II Jaro. 1918 Oktobro - Novembro
XXII kaj XXIII Num-roj. Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. EUGENIO LUNATE

Prezidanto kaj Fondinto de la Grupo de Baracaldo (Bilbao)

# Al Protektantaj Zamenhofanoj

Jen mi, je la fino de mia dua jaro, plenumanta sukcese mian celon dank' al kunagado via, entuziasmaj pioniroj de Esperanto en Hispanujo! Jam la horo de la paco estas proksima; jam nova tagiĝo feliĉa ekdesegniĝas por la Homaro laŭ formo ankaŭ desegnita de nia kara Majstro neforgesebla en lia verketo «Deklaracio pri Homaranismo». Ĉi tiu horo alvenas kiam firme staras hispanaj organizaĵoj esperantaj kies heroldo mi estas. Mi, je ilia nomo, benas ĉi tiun horon!

Vi subtenis min kiel eble plej bone vi povis, sed iujn mi devas danki speciale: S-ron Victor O de Allende el Bilbao, kiu donacis al mi privatan monsumon; S-ron Trinidad Soriano kaj Grupon de Sevilla, ĉar tiu proponis al la Grupo, kaj ĉi tiu akceptis, pagi la kliŝojn pri Sevilla, aperintaj sur miaj paĝoj, kaj sufiĉajn jarkotizaĵojn; S-ron Eugenio Lunate, Prezidanto de la Grupo de Baracaldo, kaj ĉi tiun Grupon, ĉar tiu proponis al ĉi tiu pagi ankaŭ nombrajn jarkotizaĵojn; Grupon de Bilbao, kiu faris la samon; ĉiujn Delegitojn de Zamenhofa Federacio kiuj varme kaj entuziasme varbis membrojn.

Sed mi, je la fino de la unua jaro suferis maldolĉaĵojn, ĉar mi estis minacata morti je mia oka numero spite la monhelpo de la Madrida Grupo, kiu oferis por mi sian tutan kashavaĵon; sed estis iu fidema je mia sukceso, plena je espero, obstina, kredema je la proverbo «volo estas povo», kiu subtenis min. Ankaŭ nun, kiam la paca tagiĝo de la ekstrema Okcidento lumigas plenespere la Homaron, de kie granda pastro de la homaj rajtoj aŭdigas sian voĉon homaman, mi suferas maldolĉaĵojn; sed, same kiel la unua jaro, mi venkos la malfacilaĵojn, certa je plenesperaj horizontoj.

La konstanta plialtiĝo de la paperprezo estis la plej granda baro kiu malpermesis ĉion, kion mi deziris por miaj subtenantoj, kaj kio devigas min aperi hodiaŭ duoblenumere kaj deksespaĝe.

Spite ĉio de mi antaŭrakontata, mi ŝuldas mian aperadon pli al presisto S-ro Emilio G. Linera, ol al ĉiuj; li, laborema, entuziasma, sindonema, estis kaj estas por mi kvazaŭ amema kaj delikata vartistino por infaneto.

Nun, petojn: bonvolu sendi viajn jarkotizaĵojn dum la dua duono de la monato Decembro, tial oni povos aĉeti mian paperon por la tuta jaro, evitonte la prezplialtiĝon kaj ŝparonte monon por min plibonigi se eble; pligrandigu nombron da miaj subtenantoj, ĉar tio ĉi estos fruktodona por nia celo sankta.

Mia lasta n-ro. Decembra, aperos se eble je la unua triono de la monato.

---

# Poemo de Muley Hafid

*(Daŭrigo)*

Bone sonas al niaj aŭdoj kaj al nia animo la mensogoj harmoniaj, kiujn forĝas la poetoj, sed sur mia amboso mi ankaŭ bezonas iom modervarmigi spadon.

—

Bone lulas la revoj la spiriton de la delikataj homoj, sed mia brusto bezonas spiri venkantajn blovojn, bezonas ciklonetajn parolojn.

—

La klingo de spado estu la vojo tra kiu marŝu niaj animoj!

—

Ne aŭskultu plu la dolĉan rebrueton de la elfluejo, nek rigardadu la lunon plu!

—

La ŝakaloj rondiras ŝian vinberkampon, kaj rabobirdoj, soifantaj je oro, altenflugas, celante ŝian nestegon.

—

Kiu diris, ke la energioj de l' *Islam'*o mortis (1).

—

Nigrita de trompo estis ĝia buŝo, kaj plenega je abomeno ĝia animo. La fajro estas eterna! La diaj paroloj estas neeraremaj.

—

Ha malfidemuloj! Rigardu la horizonton, kiam de la turo la pastro vokas vin al la preĝo, kaj vi ne dubos.

—

Ĉu estas, ke vi ĉiuj bezonas, ke *Djebrell'*o (2) malfermu vian bruston kaj purigu viajn korojn?

—

Jam silentos la ŝakaloj, jam falos la falkoj, ne estos pardono por ili. —Pacienco, pacienco, ĉiam al mi murmuretis la *Destino*.

—

Kaj dum alvenas nia vico, mi sekvos pacience kunigante per fadeno la perlojn de inteligenteco.

—

La Nokto kantas miajn versojn, kaj la Tago scios parkere ilin.

---

(1) Aludo pri la «Elegio pri la *Yemen'*o» de *Mohamed ben el Qasim*, publikigita en Beyruth antaŭ malmultaj jaroj.

(2) La heroldo de Dio, la ĉefanĝelo *Gabrielo* de la Araboj. Ĉi tie *Hafid* aludas legendon pri *Mahometo*.

# Mia bonega amiko...

Ama, oferema, karesema, fidela; tia estas mia bonega amiko.

Kiam mi estas gaja, la vizaĝo de mia amiko montras grandan joĝon. Kiam mi estas malgaja, mia amiko malĝojas.

Ĉiuj miaj sentoj sin montras per la vizaĝo de mia amiko kvazaŭ lumo per spegulo.

Tia amiko penas ĉiam esti apud mi, akompani min ne atentante pri la vojo nek pri la loko kien mi iros.

Kiam mia amiko deziras iri laŭ alia direkto aŭ halti pro kiu ajn kaŭzo, tiam signo mia sufiĉas por ke mia amiko ĉion, por min sekvi, forlasu; eĉ amajn aventurojn!

Se iu min atakus, mia amiko estus kapabla lin dispecigi, ĉiam preta oferi la vivon se tio estus necese por defendi aŭ por savi min.

Pro mia malbona karaktero mi foje koleras ĝis tia grado ke mi batas mian amikon, kiu humile tion suferas, kaj malgraŭ tio montras grandegan ĝojon kiam revidas min forestinte. Tia ĝojo estas tiel energia ke ĝi eĉ ĝenas.

Eble mia morto kaŭzos la morton de mia amiko, kiu eĉ viglas por gardi mian 'dormadon.

Sed ĉu amiko tia ekzistas?

Ĉu iam en la Mondo estis homo tiel bona?

Ha! Sed mi ne parolas pri homo; mi parolas pri hundo.

*Rafael de San Millán*

# El kantoj de Aragon

Kiel kantas ĉiuj birdoj
Ĉagrenojn de amoj siaj,
Same ĉiam mi kantadas
De l' anim' dolorojn miajn.

—

De la kanto ne atendu
El mia gorĝ' la eliro;
Laŭ humoro de l' kantanto
Ofte ĝi estas sopiroj.

—

Alproksimiĝon dancante,
Permesu, ĉar vi ne pekas,
Ĉar estas ne fari tion
Kvazaŭ manĝi panon *seka*.

—

En la koro plenespere
Iam mi plantis rozarbon,
Sed nur naskiĝis la dornoj
Surverŝitaj per la larmoj.

—

Mi ŝin amas jaluzeme,
Ĉar ŝajnas, ke eĉ la steloj
Enviantaj deziregas
Forrabi al ŝi la belon.

—

Al vi, bela brunulino,
Mi ne donos mian koron.
Ve! Vi estas papilio
Fluganta de flor' al floro.

---

# Esperanto kaj Komerco

La 31.an de Majo, 1918. Sro. A. Barton Kent, F. R. G. S. (Trezoristo de la Komitato por Komuna Komerca Lingvo) faris lekcion al la membroj de la Londona Komerca Ĉambro kaj aliaj, ĉe la oficejo de la Ĉambro, pri la temo »Komuna Komerca Lingvo«.

La Rt. Hon. Lord Southwark (Vic-Prezidanto de la Ĉambro kaj Prezidanto de ĝia Edukada Komitato) prezidis kaj diris, ke la Londona Komerca Ĉambro estis ĉiam preta bonvenigi novajn ideojn kaj marŝi laŭ la bezonoj de la epoko. La Ĉambro ne sin detenis nure pro tio ke iu afero estas nova; se iu ideo montriĝis praktika kaj profitdona al la Komerco, ĝi (la Ĉambro) ne kondamnus ĝin sen esploro (Aplaŭdo).

Sro. A. Barton Kent, dum la daŭro de la lekcio diris, ke ĉiu komercisto bonvenigus la alprenon de iu sola komerca lingvo por fremdlandaj aferoj. La profitoj estis tiom evidentaj, ke nenia argumento estis necesa. Katalogoj pri eksportotaĵoj oni presus en nur unu lingvo, anstataŭ en kelkaj, kaj korespondado, fakturoj, kambioj, patentspecifikaĵoj. k. t. p. bezonus nur unu kaj ne kiel nun kelkajn lingvojn. Montrinte, de praktika vidpunkto, la neeblecon alpreni ian nacian lingvon, kiu nature estas malfacila kaj komplika pro la gramatiko kaj idiotismoj, li petis atenton pri la pretendoj de lingvo logika, simpla kaj preciza, kiu estis pli facile akirebla ol iu alia, kaj kiu tute ne jaluzigus la naciojn—tiu lingvo estis Esperanto. Esperanto ne estis fantazia lingvo. Ĝi estis zorgeme kaj logike elpensita; ĝi jam postvivis la provon de la jaroj kaj estis tiom kompleta, ke la plej delikataj nuancoj de signifo povas esti akurate esprimataj; tial, ĝi bonege adaptiĝis al la komercado kaj negocado, kie akurateco estas nepre nacesa.

Li petis al la komercistaro, ke ili pensu pri la ekonomio, kiu fariĝus en komercado se la tuta fremdlanda korespondado estus farata Esperante.

Iu inteligenta komizo povus ĝin lerni en tri monatoj aŭ malpli. Se komercistoj nur esplorus la aferon, sen ia antaŭjuĝo, ili tuj komprenus la profitojn haveblaj; tiam, eble la Fremdlanda Oficejo, kiu nun multe interesiĝis pri fremdlanda komercado, konsiderus la aferon kune kun niaj kunliganoj, kaj lingva ligilo kun miaj nunaj kunliganoj tia, kia la komuna alpreno de unu sola komerca lingvo estus, multegon farus por cementi la Ententon kaj plikreskigi la interkomercado post la milito; sed—la germanoj ankaŭ ĝin lernus.

Ĉe Internaciaj Kongresoj Esperanto jam donis praktikajn provojn pri sia plena efikeco. Ĝi sugestis la membrojn de la Laborista Partio, kiu ne havis la tempon aŭ okazon studi kelkajn lingvojn, tial ke ili trovus Esperanton treege utila en siaj rilaioj kun fremdlandaj delegitoj aŭ kiam ili mem estus eksterlande. La nuna tempo estis speciale oportuna por la enkonduko de tiu ĉi temo. Tiom da niaj junuloj devus esti sentintaj la manko de iu facila rimedo por komunikado inter siaj kamaradoj en la kunligitaj armeoj, ke ili bonvenigus instruadon pri iu facile kaj rapide akirebla internacia lingvo. La Raporto de la Registara Komitato pri Fremdaj Lingvoj rekomendis: Ke «Komitato estu difinita por esplori la kapablojn de



PORDO DE LA KORTO DE LAS DONCELLAS
ALCAZAR.—SEVILLA

artefaritaj lingvoj kaj la dezirindecon favori la evoluadon kaj uzadon de unu. Estis necese ke ni alektu la plej bonan lingvon por tiu celo, kaj li estis certa ke Esperanto sendube estas la plejbona.

Post kelkaj paroloj de S-ro. Graham, sinjoro Johm C. Nicholson, la Prezidanto, Majoro Maunsell, kaj S-ro. Bredall (Thos Cook & Son) dankesprimo al la parolinto estis proponata de S-ro. H. L. Symonds (Vic-Prezidanto de la Konsilantaro) sekundate de S-ro. J. H. Polak (Vic-Prezidanto de la Komerca Edukada Komitato) kaj subtenata de S-ro. Graham P. Spicer, Tiu ĉi estis kore konsentita kaj mallonge alrespondita de S-ro. Barton Kent. La kunveno fermiĝis per dankesprimo al la Prezidanto.

(*El «The Chamber of Commerce Journal», Julia numero*)

(NOTU.—Plena raporto pri la kunveno, broŝure presita, estas havebla ĉe la Londona Komerca Ĉambro.

*Plua informo ricevebla de*

**Common Commercial Language Committee,**

Hon. Sec., S. R. MARSHALL (c|o Thos. Cook & Son)

LUDGATE CIRCUS, LONDON, E. C. 4.

Oni rekomendas publikigi tradukaĵon pri ĉi tiu artikolo sur hispanaj ĵurnaloj.

---

# LA PACO ALPROKSIMIĜAS

## AL ESPERANTAJ GAZETISTOJ

Hodiaŭ mi volas esti la bonaŭguranto pri la paco. Vere la paco estas jam tre proksima. Kia ĝojo, kia feliĉo. La esperanta movado estis dum kvar plenaj jaroj kiel abelujo dum la vintro; Oni vidas tie aŭ alie elflugi unu aŭ du abelojn malpaciencajn neniam lacigeblajn, sed la ceteraj abeloj trankvile kaj senzorge ripozas aŭ dormas. Sed apenaŭ montriĝas la unuaj radioj de la suno—la paco—jam en la internaĵo de nia esperanta abelujo komencas ĉio moviĝi. Aŭskultu kion oni aŭdas interne. Unu voĉo diras: Mi aĉetos multe da poŝtmarkoj kaj mi korespondados kun ĉiulandaj samideanoj de mateno ĝis nokto. Alia: ŝparos por povi viziti la unuan internacian Esperantan kongreson kiu okazos post la milito. Tria, tre entuziasme, mi vojaĝos tra la tuta mondo kaj mi predikos ke sole pere de Esperanto estos ebla la paco inter la homaro. Kaj tiel ni povus aŭskulti de mateno ĝis nokto, kaj ĉiam, ion novan ni povas ekaŭdi.

Sed ĉu vi scias kial mi skribas ĉi tiun artikoleton? Certe ne. Aŭskultu do mian klarigon. Antaŭ kvin jaroj mi skribis en unu esperanta gazeto grandan malspritaĵon. Nome mi skribis ke baldaŭ estos la milito kaj mia malsprita profetaĵo, ke la paco baldaŭ ekregos inter la homaro.

Kion ni faros nun kaj poste kiam la paco sonos tra la tuta mondo?

La unua via tasko estos, eviti je ĉiuj prezoj novan danĝeron, ĉar la sperto montras al ni, ke la milito estas senkompata monstro, kiu suferigas le tutan homaron. Ankoraŭ mi volus diri la unuan konsilon al ĉiuj redaktoroj de esperantaj gazetoj: Samideano, ne permesu eĉ unu vorton pri la milito en via gazeto ĉar se vi permesus diskutadon pri la kaŭzo aŭ prí la kaŭzantoj de la milito, neniam vi finus kaj vi kreus multe da malpaco.

La venkinto donu la manon al la venkito kaj diru: Frato ni forgesu pri la malpaco kaj ni laboru refoje kune por Esperanto kaj la tutmonda frateco, kio okazis ne okazu plu!

Paco estu sur la tero.

*Babilulo.*

---

Scienco estas amikino en la dezerto, kunulino ĉe la soleco, kamaradino dum la senkuraĝiĝo. Ĝi gvidas nin al feliĉo, kaj subtenas nin dum la malfeliĉo. Ĝi estas nia ornamo ĉe niaj amikoj, kaj nia ŝildo kontraŭ la malamikoj.

*Mahomet*

(El *La spirito de l'Islam.*)

# ESPERANTA MOVADO

## BARCELONA

La Esperanta Societo «Paco kaj Amo» ĉiam preta laboradi plej efike por nia celo, plenumis jam de antaŭ longe nian interkonsenton kiun ni publikigis sur ĉi tiuj paĝoj mem kaj kiu rilatas peto de opinio pri lingvo internacia al diversaj personoj hispanaj kies famo estas konata ĉar oni konsideras ilin eminentuloj.

Ni konigas sekve la cirkuleron al ĉiuj sendita.

«Sinjoro: Kiel batalantoj de ideo pri lingvo internacia, ni nin turnas al vi petante vian opinion por nin orienti kaj scii ĉu la hispana eminentularo aprobas nian celon; kio akcelus la entreprenitan laboron por ke ĉiuj homoj sin interkomprenu parole kaj skribe pere de lingvo helpa, kies reguloj nepre devas esti logikaj kaj neŭtralaj al ĉiuj naciaj idiomoj, ne donanta ian privilegion al unu nacio malestimante la aliajn».

Jen estas listo de tiuj al kiuj ĝi estis adresita. Lia Grafa Moŝto *Romanones*; Lia Ministra Moŝto, S-ro Antonio Maŭra; Lia Ministra Moŝto, S-ro Eduardo Dato; Lia Ministra Moŝto, S-ro Francisco Cambó, kaj Ŝia Grafina Moŝto, S-ino Pardo de Bazán.

S-ro Miguel de Unamuno, S-ro Hermenegildo Giner de los Ríos, S-ro Julián Besteiro, kaj S-ro Valentín Carulla.

S-ro Alejandro Lerroux, S-ro Pablo Iglesias, S-ro Eduardo Barriobero kaj S-ro Marcelino Domingo.

S-ro Melquiades Alvarez, S-ro Vázquez de Mella, S-ino Victor Catalá, S-ro Benito Pérez Galdós, S-ro Vicente Blasco Ibáñez, S-ro Ignacio Iglesias, S-ro Angel Guimerá, S-ro Santiago Rusiñol, S-ro Linares Rivas, kaj S-ro Serafín kaj Joaquín Alvarez Quintero, S-ro José Nakens, S-ro José Comas Solá kaj S-ro Luis Brillet.

Ni nur ricevis ses respondojn kiujn ni sekve publikigas.

«Tre kara Sinjoro. Mi plezure respondas al via atenta letero, komunikante al vi ke mi aprobas vian laboron celanta pacon kaj amon, proponante al vi mian modestan helpon por ĉio kio estos utila.

Valentín Carulla.»

«Kara Sinjoro: Mi ricevis vian leteron kaj tial ke mi konas malmulte Esperanton mi ne povas kompetente esprimi mian opinion, tamen mi respekte vidas la gravan klopodon kiun vi faras.

Hermenegildo Giner de los Ríos.»

«Tre estimata Sinjoro: Responde al via letero per kiu vi tiel honoras min petante mian opinion pri la agado plenumata konstante de via Societo, mi diras: Estas tiel granda kaj laŭdinda tio, kion vi celas ke neniu batalanto tiucele devos resti malantaŭe okaze de oferoj, kaj mi min proponas al via simpatia laboro.

Alejandro Lerroux.»

«Karaj Sinjoroj: Mia, granda laboro, kiu konstante okupas min, ne permesis al mi dediĉi atenton al via entreprenita laboro. Tial mi ne povas diri mian opinion pri via peto.

Pablo Iglesias.»

«Tre estimata Sinjoro: Mi ricevis vian atentan leteron datumitan je la 15-a de Majo de 1918ª, kiun mi legis ĝoje kaj de nun mi min metas al via dispono por servi la aferon, kiun vi esprimas en via komunikaĵo.

Grafo de Romanones.»

«Tre estimata Sinjoro: Kelkajn fojojn mi esprimis mian opinion pri Esperanto.

»Literaturisto kiu estas iom Filologo ne konsideras Esperanton idiomo. La idiomoj estas aĵoj vivantaj, organaj, naskiĝantaj el fontoj naturaj.

»Esperanto ŝajnas al mi elpenso, kies utilecon mi ne diskutas, sed mi ripetas ke por la literaturo ĝi ne posedas signifan valoron.

»Mi antaŭ ĉio estas literaturisto aŭ-ino (kiel vi volu.)

»Ankaŭ ne interesas min ĉu ĉi tiu lingvo ne donas privilegion al ia nacio kontraŭ la aliaj.

»La idiomo estas tiel supera, kiel supera estas la nacio, kaj tiel devas esti. Kial do ni parolas pri la *lingvo de Cervantes?* Estas ĝi ideo de supereco kion ni esprimas.

»Pardonu la sincerecon kiun mi ĉiam uzas kaj al via dispono mi estas.

Grafino de Pardo Bazán.»

Malmultajn respondojn ni ricevis kaj tre malmultan intereson ili enhavas (1).

Nur ĉi tiu lasta estas iom inda malgraŭ ĝia malfavora, pli ĝuste, tute erara esprimo, ĉar ĝi respondas laŭ nia demando peto.

Vi, estimataj legantoj, vidas ja kiuj eminentuloj ne volis preni sur sin, la etan laboron kiun signifas respondi nur kelkajn atentindajn vortojn.

Ho! kian grandan intereson ili havas por aferoj de progreso!!

Estas mem kompreneble, ke mi ne povas eldoni kiel propagandon, broŝuron publikigantan la respondojn ricevitajn. Tia estis nia intenco.

Kiu deziru, tiu daŭrigu la komentariojn pri nia bedaŭra rezultato.

Je nomo de Esp. Soc. «Paco kaj Amo»,

*La Propaganda Fako.*

—

La lasta kunveno de la grupo «Nova Sento» elektis la jenan komitaton. Prezidanto, S-ro J. Canales; Vicprezidanto, J. Compte; Sekretario, F. Fuster; Vicsekretario, P. Martínez; Kasisto, L. Vives; Kalkulisto, F. Mesa; Monkolektanto, J. Bolós.

Ĉi tiu Grupo okazigis grandan vesperfeston ĉe la Societo «Juventud Moderna», la 17-an de Aŭgusto. Oni ludis hispane la belan komedion «La du juveloj de la hejmo».

(1) Do ili respondas nenion absolute rilate nia demando.

F-ino T. Palau ludis «Minuet» piane, kaj knabino C. Miguel malgrandan melodion violone. Gefratoj «Bueno» kantis kaj dancis. S-ro Marsana ĵonglis kaj poste artistino dancis kaj kantis kaj fine oni ludis katalunan komedion «Diboĉoj» kaj S-ro Canales, prezidanto de la Grupo, faris paroladon dankante ĉeestantaron kaj rekomendante lerni Esperanton.

—

La 10-an de Oktobro la Grupo «Nova Sento», en sia sidejo strato Enna, 156-okazigis je la deka vespere gravan konferencon, farita de S-ro Rómulo Rocamora, parolinte pri «Utileco de Esperanto ĉe laboristaro kaj komerco». La multenombra ĉeestantaro varme aplaŭdis lin kaj la esperantistoj kaj neesperantistoj solenigis la konferencon per honora toasto ĝenerala en unu el la salonoj de la Societo «Cooperativa Antigua Independiente» al kiu apartenas la Grupo kiel fako esperantista. Dum la toasto, S-ro Johano Armengol parolis je la nomo de la Societo fiera je tiu fako konstanta kaj entuziasma por la esperanta laboro. Fermis la feston S-ro Canales per paroloj kuraĝigantaj daŭrigi same kiel ĝis nun por efektivigi la celon entreprenita de nia neforgesebla kaj kara Majstro.

La 15-an de Oktobro oni malfermis kursojn esperantajn: ĉe la Grupo, S-ro Jozefo Pujol; ĉe «Ateneo Democrático Regionalista» de Pueblo Nuevo, S-ro Canales, por la geknaboj de la horo (35 geknaboj 7-12 jaraj).

*Sabadell*

«Aplech Esperanta Grupo» kaj «Katolika Stelo» el Sabadell kun la Grupo «Lumon» kaj «Esperantista Junularo» el Tarrasa, festumis la okan de Septembro en belega foliplena arbaro «Ĉe Barba» la III-an feston de l' Valles'aj Esperantistoj akceptinte komisionojn kaj delegitojn dece kaj inde. Kontente dancis regionan dancon, aliajn kaj esperantan «La Rondo» gesamideanoj. Je la 1.ª posttagmeze festenis frate 70 proksimume gesamideanoj kies bunhomoro kaj



FLANKO DE LA KORTO DE LAS DONCELLAS
ALCAZAR.—SEVILLA

kontentego regis tutplene la tagmanĝon kaj antaŭ fini, iuj paroladis kaj per longa aplaŭdado devigis tion fari ankaŭ svisa samideano S-ro Max F. Schapoth, kiu dankegis la akcepton.

Sur scenejo ornamita per floroj, branĉoj kaj aliaj naturaĵoj kaj esperantaĵoj, je la 3.ª ludis «La ĝojo pasanta'n» kelkaj teatroamatoroj. Sekve nia eminenta samideano el Tarrasa, S-ro M. Solá, Direktoro de la Bulteno de l' K. E. F. paroladis antaŭ 700 geĉeestantoj pri la grava utileco de Esperanto, pri ĝia disvastiĝo antaŭ-kaj postmilito, kaj dediĉis kortuŝajn parolojn al nia kara Majstro. Dancado sur la draŝejo de la kampodomo «Ĉe Barba» estis la finaĵo.

*Tarrasa*

Dum ekskurso de la societo «Ĥoro Tarrasense» al Tarragono, Reus kaj Lerida akompanis tiun societon la standardo de «Esperantista Junularo». Akceptis nin en Tarragona, «Tarragona Esperanto» portanta sian flagon kaj ĉiuj trairantoj miris pro la esperantaj flago kaj standardo. En Lerida, la fervoro de S-ro Chaler varbis novajn adeptojn por nia idealo.

Oni algluis grandaj afiŝojn sur la muroj el ĉiuj stratoj de Tarrasa kun grandaj literoj kaj kvinpinta stelo verda por anonci malfermon de kurso ĉe la Grupo «Lumon» kaj societo ĥora «Juventud Tarrasense», klarigos la kursojn S-roj Garriga kaj Chaler. Ĉiuj lernantoj de S-ro Chaler, post tri monatoj, korespondadas kun la lernantoj de S-ro Marshall el Londono, kaj kun esperantistoj el Francujo, Holandujo kaj Usono.

MADRIDO

Esperantistaj socialistoj celas restarigi antaŭan grupon «Libera Homo» kaj baldaŭ tiu ĉi celo estos atingota.

Ankaŭ baldaŭ oni fondos fervojoficistan grupon esperantan kiu celos diskonigi nian karan lingvon ĉe ĉiuj fervojaj kompanioj. Estas jam dekses fervojoficistoj de la Norda Kompanio kiuj formos la grupon.

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn.***

*(Daŭrigo)*

—La negoco estas profita kaj preskaŭ nenia la danĝero. Ni estas kvin, kaj se subite ni nin ĵetus sur lin, ni ne lasus al li tempon por sin defendi. La loko favorigas la atakon kaj neniu helpos lin—diris unu el ili.

—Ne forgesu ke li estas tre kuraĝa, ke li svingas bone la spadon kaj se ni ne surprizus lin, li...—ĉi tiu diranto ne povis daŭrigi, ĉar alia fripono malĝentile kaj fanfarone diris:

—La diablo helpu min! De kiam vi estas tiel saĝa kiel virinaĉo, *Ruĝa-Haro*? Okaze, ĉu vi timas?

—Ne estas timo, ĉar neniu kaj nenio timigas min, kaj vi bone tion scias. Montru al niaj kamaradoj vian felon, kiu pravigos min—rediris akre *Ruĝa-Haro*.

—Fulmoj kaj tondroj! Ne disputu! Kiam ni finos la aferon, tiam solvu viajn malamojn. Nun silentu kaj estu pretaj plenumi vian kompromison por ricevi la monon promesitan, el kiu vi iom jam ricevis. Faru projektojn por la estonteco, ĉar ankoraŭ estas iom frue kaj ni devas atendi, sed ne diskutu, nek grumblu—tiel parolis tiu, kiu nedube estis la estro de la krimuloj ĉar ĉiuj silentis.

La Grafo komprenis, ke la embuskantoj intencis mortigi altrangan personon kaj li sin decidis eviti la krimon. Li fermis la eniron kaj kuris en la kripton, kaj komprenante ke oni povus koni lin, se li vestus sian kirason, ŝanĝis ĉi tiun per tiu de Jozefo, ĉar sia staturo kaj dikeco estis kiel tiuj de la paĝio. Tuj li revenis en la pordon de la galerio observi la malbonagontojn, preta fali sur ilin je oportuna momento.

Iom da tempo li estis viglanta kiam li aŭdis: —Jen, li! Estu pretaj!

Efektive, tra la vojeto, viro antaŭeniris malrapide. Li estis la Reĝo profunde ĉagrenata



¡DETALAĴO DE LA KORTO DE LAS DONCELLAS
ALCAZAR.—SEVILLA

de sia amo, kaj tia priokupado haltigis lin momente ĉe la loko de la embusko. Tial, rimarkante tion, la friponoj supozis ke la Reĝo estis vidinta ilin, kaj malpaciencaj kaj konfidantaj pro la nombro, ili saltis en la vojon atakante Lin. La Reĝo, kvankam surprizata, havis sufiĉan tempon elingigi la spadon kaj kontraŭstari al la unuaj atakoj de la krimuloj, kiuj tuj celis ĉirkaŭi Lin; sed en ĉi tiu momento mem, io, kvazaŭ ombro, falis ĉe la malbonulojn svingante spadon kiu fendis la kranion de unu el la banditoj, kiuj, surprizataj, koncentriĝis. La falinta ombro estis la Grafo de Palazuelos, kiu profitante la surprizantan momenton sin metis inter la atakantoj kaj la atakato. La banditoj rekuraĝiĝis kaj reatakis celante precipe vundi la Reĝon, sed la Grafo saltis ĉien malgraŭ sia peza kiraso, kaj ĉiam la spadoj celantaj la reĝan korpon estis trovantaj lian kirason. Baldaŭ la spado de la Grafo faligis alian atakanton kaj senarmigis alian, kiu rapide forkuris kaj kiun sekvis la ceteraj. Tiam la Reĝo alproksimiĝis al la Grafo kaj diris prezentante sian manon:

—Dankon, kavaliro! Vi savis la vivon de via Reĝo!

La Grafo, tion aŭdante, ŝtoniĝis ne povante elparoli eĉ vorton, kaj la Reĝo, mirigata de tia sintenado, rediris: —Ĉu vi rifuzas premi mian manon dankeman?

La kavaliro jam iom trankvila respondis: —Mia Reĝa Moŝto, mi ne meritas tiel grandan honoron!

—Levu la vizieron de via kasko, ke mi povu koni mian savinton!

—Mia Reĝa Moŝto, ne postulu tion al mi! Mia vivo estas via, sed se Vi konsiderus min inda je io, permesu ke mi konservu mian inkognitecon. Donu al mi ion per kio mi povu pretendi esti akceptota de Vi antaŭ ĉiuj korteganoj hodiaŭ mem je la tagmezo, por ke Vi konu min. Nun permesu ke mi akompanu Vin ĝis sendanĝera loko, ĉar la perfiduloj povis esti preparinta alian embuskon.

—Ĉiam inter konspirantoj! Estu laŭ via deziro kaj prenu ĉi tiun ringon.

La Grafo akompanis la Reĝon revenante poste en sian kaŝejon kien malmulte da tempo poste venis Jozefo tute maltrankvila pro la kadavroj kuŝantaj kontraŭ la kaŝejo, timante pri la Grafo. Ĉi tiu sciigis al li la okazintaĵon kaj sian promeson.

Tuj ili forlasis la rifuĝejon irante en la gastejon, kie Jozefo estis preparinta necesaĵojn por la forkuro.

Kvazaŭ fulmo etendiĝis ĉien la novaĵo pri la atenco kontraŭ la Reĝo; kiel hazarde savis Lin nekonita kavaliro. Oni komentaris la okazintaĵon inter la korteganoj en la salonoj de la reĝa loĝejo, ĉar la Reĝo mem rakontis detale ĝin kaj anoncis, ke li akceptos plezure sian savinton antaŭ ĉiuj korteganoj, kaj ke li senpacience atendis koni, danki kaj rekompenci lin publike kaj malavare. La Reĝo ankaŭ esprimis sian grandan ĉagrenon pro la perfido de iuj el la aŭskultantoj mem, kaj tiam oni povis rimarki la emocion elmontritan de iuj vizaĝoj, ĉu pro fideleco, aŭ tial ke la kulpo turmentis aliajn.

*(Daŭrigota)*

# BIBLIOGRAFIO

*La Granda Vizaĝo el Ŝtono.*—Bela rakonto, tre bonstile tradukita de E. E. Yeland kaj tria broŝuro eldonita de la B. E. A. Literatura kaj Debata Societo. La aŭtoro de la rakonto, Nathanel Hawthorne, pruvas ke plej eminenta kaj nobla homo ne estas riĉulo, kiu konservas por si siajn riĉaĵojn; nek, generalo energia sed sen delikata saĝeco; nek elokventa politikisto, kiu defendas pravon ĉu malpravon sendistinge; nek poeto, kantisto de la vero kaj la belo, sed kies vivado ne akordiĝas kun lia pensado. Ĉiuj estas vantaj. Plejnobla estas bonfarema homo, kiu pensas kaj agas sincere kaj saĝe.



La flatemuloj trafas sian bonstaton kaj riĉecojn per la altranguloj, kiel la kuracistoj riĉiĝas per tiuj personoj, kiuj supozas farti malbone; tiuj ĉi pagas pro malsanoj, kiujn ili ne suferas; kaj tiuj pagas pro virtoj, kiujn ili ne posedas.

*De Montausier*

---

# PRUVO PRI IDEARO

DE

## Fernando Redondo

*(Daŭrigo)*

Posteularo de unu antaŭulo, kune vivanta kaj komandata de unu ĉefo, *gento.* Prapatro, ĉefo de la gento ĉe la antikvaj hebreoj, *patriarko.* Ano de la gento de Levi, *levido.* Ĉe la araboj, nomo de gentestro, *ĉejko.*

### ĈAPITRO Va

### GEOLOGIO, MINERALOGIO

Tio el kio konsistas la universo, *materio.* Scienco pri la deveno de la terglobo, ĝia evoluo kaj nuna stato, *geologio.* Geologia fenomeno kiu kaŭzas gravegajn difektojn, *kataklismo.* Kataklisma subakviĝo de parto de la tero dum unu el la lastaj geologiaj periodoj, *diluvo.* Terfendo kun malniveliĝo, *falfendo.* Rapidaj movoj de la ŝelo de la tero, *tertremo.* Kiu rilatas al tertremoj kaj al iliaj efikoj, *sisma;* scienco, *sismologio;* aparato por percepti la tertremojn kaj mezuri iliajn intensojn, *sismografo.* Kiu rilatas al malrapidaj tertremoj, *bradisisma.* Fenomeno per kiu la materioj entenataj en la tero estas forŝprucataj duonlikve kaj inkandeske, *erupcio, erupto.* Geologia difektiĝo de la rokoj kaŭzata de la akvo, *erozio.* Linio da ŝtonoj kiuj nature fariĝas sur la montglaciejo pro la movoj de tiuj ĉi, *moreno.*

Parto de la Geologio pri la deveno kaj evoluo de la tero, *geogenio;* pri la strukturo de la tera ŝelo, *geognozio.* Tutaĵo de eroj de substanco kuŝanta unu apud alia en la sama alteco rilate al aliaj eroj kuŝantaj supre kaj sube, *tavolo.* Daŭro de tempo dum kiu formiĝis aro da tavoloj karakterizaj de la ĉeesto de similaj fosilioj, *epoko.* Parto de epoko en havanta unu aŭ kelkajn tavolojn, *formacio.* Ekstera tavolo de la planedo, *tero.* Tera tavolo alportita de l'akvo, *aluvio. La plej granda parto el Holandujo konsistas el maraj aluvioj.*

Malnovaj aluvioj kiuj, laŭ iaj aŭtoroj, estas rezultato de la diluvo, *diluvio.* Tavolo aŭ teraĵo de rokaĵoj, kiu produktiĝis per demetaĵoj funde de maroj, riveroj aŭ lagoj, *sedimento.* Aranĝo de iaj sedimentoj kiuj konsistas el multaj diversaj tavoloj, kiuj sin sekvas multfoje inter si laŭ ia diko, *alterneco.* Transversala fendo en sedimenta tavolo, *diaklazo.* Sedimento kiu formiĝis en difinita epoko, *tereno, teraro, tertavolo.* Kalkaĵo kiu sedimentiĝis per la elvaporiĝo de akvo saturita de kalka bikarbonato, *kalkatofo.* Tavolo konsistanta el pumikeroj, cindroj kaj lafpecoj, *vulkana tofo.* Tavolego de mara glacio kiu altenas al la marbordo, *glacibenko.* Imaga linio de kiu diverĝas supren tavolo havanta kontraŭajn direktojn, *sinklinalo;* malsupren, *antiklinalo.* Tute senigita je vivantaj estaĵoj, *azoa.*

| Geologiaj epokoj | Formacioj | Etaĝoj |
|---|---|---|
| Kvaternara | Pleistoceno | Nuna aŭ nova |
| | | Malnova aŭ diluva. Pleistoceno |
| Terciara | Plioceno | Nova plioceno |
| | | Subapena |
| | Mioceno aŭ Faluna | Neogoceno |
| | | Malsupra |
| | Eoceno | Oligoceno |
| | | Eogeno |

| Epokoj | Formacioj | | Etaĝoj |
|---|---|---|---|
| Sekundara | Kretacea | | Dana |
| | | | Cenomana |
| | | | Neokomia |
| | Ĵurasa | Ovlita | Portlanda |
| | | | Kimeriĝa |
| | | | Korala |
| | | | Oksforda |
| | | Liaso | Liasa |
| | | | Sinemura |
| | Triaso | | Salhava |
| | | | Muŝelkalka. Konkaĵo. Kalkaĵo |
| | | | Koecilia |
| | Permia | | Permia |
| | Karbhava | | Terkarbhava |
| | | | Antracithava |
| Primaria aŭ Transira | Devena | | Supra |
| | | | Malsupra |
| | Siluvia | | Supra |
| | | | Malsupra |
| | Kambria | | Glimskista |
| | | | Grejsa |
| | Laŭrencia | | Supra |
| | | | Malsupra |
| Antaŭa, aŭ primitiva, aŭ azoa | Erupciaĵoj | | |

Geologia etaĝo, *batonio*. Etaĝo de la Cenomano, *gaŭlto*. Mara sedimento el la meza mioceno, *faluno*. Kiu apartenas al la prahistoria epoko kiam oni uzadis ilojn el polurita ŝtono, *neolita;* la epoko, *epoko de la polurita ŝtono*. Epoko de la tero karakterizita de malvarmigego de la tero dum la komenciĝo de la kvaternara epoko, *glacia epoko*. Kvaternara tavolo kiu formas ofte la supraĵon de malmulte sulkiĝinta ebenaltaĵo aŭ de valo, *leŭso*.

*Ĝeneralaj nomoj de rokoj.*

La supraĵo de la tero, *grundo*. Korpo troviĝanta en la tero aŭ sur la grundo, produktata nek de besta nek de vegetala organismo, *mineralo;* scienco, *mineralogio*. Malmola minerala maso ordinare negranda kaj movebla, *ŝtono;* granda kaj nemovebla, *ŝtonego;* scienco pri ili, *litologio*. Grandega ŝtono sur aŭ sub la grundo, *roko*. Subtilaj liberaj eroj de seka korpo, precipe de la tero, *polvo*. Ĉiuspeca minerala maso kompakta aŭ pulvoriĝema, mola aŭ ne, el kiu konsistas la tera ŝelo, *rokaĵo*. Kungluaĵo konsistanta el nature kuniĝintaj diversaj ŝtonegoj, *konglomerado;* diversaj mineraloj, *aglomeraĵo*, *aglomerato*. Rokaĵo konsistanta el ŝtonetoj aglomeritaj en cimento, *pudingo*, *pudingŝtono*. Vulgara nomo de iaj ŝtonoj kies koloro estas verdeflava, kvazaŭ oro, *orŝtono*. Ŝtonego transportita de malaperintaj montglaciejoj el sia devena loko, *vagŝtonego*, *vaginta ŝtonego*. Larĝa kaj plata maldika ŝtono per kiuj oni pavimas trotuarojn, grundojn, *platŝtono*. Malmola ŝtono, rondigita de la akvaj ruladoj, precipe de la maro, *rulŝtono*. Dispecetigitaj ŝtonoj, brikoj, de rompitaj muroj, *gruzo*. Nomo de iaj mineralaĵoj malmolaj kaj polureblaj, *jado*. Kiu havas kolorajn vejnojn kaj figuras branĉajn foliojn aŭ radikojn, *arboida* kiu devenas el la internaj varmegaj partoj de la Tero, *fajrodevena*.

*(Daŭrigola)*

## AVERTO

**Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.**

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

## SOLVOJ

De la Spritludo

KARTONO

De la Hieroglifo

(Du-inter-nuloj) DU INTERNULOJ

Sendis la solvon de la spritludo S-roj. P. Naranjo kaj Rodríguez, el Jerez kaj Madrid.

## MOZAIKO

Anstataŭigi la ĉi subajn stelojn per literoj, tiamaniere ke legante ĉi tiujn *maldekstre dekstren* kaj *sube malsuben*, ili esprimu:




## ZOOLOGIA HIEROGLIFO



La solvoj en venonta numero.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

Infanoj lernantaj Esperanton deziras korespondadi pk. kun kamaradetoj samnaciaj kaj alilandaj. Adreso: Esperanta kurso por infanoj-Sd. Coral «Juventud Tarrasense».—*Tarrasa* (Hispanujo).

S-ro A. Tomás Iglesias el *Santander* (Hispanujo), strato Cervantes, 13, deziras interŝanĝi pk. kaj pm. Pri pm. li uzas katalogon Ivert & Tellier-1916.

La gegrupanoj de la Grupo «Frateco» deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj. Adreso: Placo de Pí y Margall, 14. *Vendrell* (Hispanujo).

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanujo).

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanujo, strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8.—Madrid, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

Jesús Ramírez.—Strato Cabestreros, 10 kaj 12.—Madrid (Hispanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn.

José de Posse, Advokato.—Apartado, 125. *Bilbao* (Hispanujo), deziras interŝangi poŝtmarkojn, precipe militpoŝmarkojn.

F-inoj Paz kaj Luz Barbé, strato Marqués de Santa Ana, 45.—Madrid (España), deziras interkorespondadi per ilustritaj poŝtkartoj.

## ZAMENHOFA FEDERACIO

Ĉi tiu Federacio konsistas el Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj el precizaj hispanaj regionoj, tamen povas aparteni al ĝi kiu ajn alia regionano eĉ fremdulo.

Ĝi celas unuigi Esperantistojn kaj progresigi Esperanton, kaj por tio starigis tri klasoj: *Zamenhofano*, *Protektanta Zamenhofano* kaj *Protektanto*, kiuj pagas respektive *unu*, *tri* kaj *kvar* pesetojn jare. La du lastaj klasoj ricevos ĝian oficialan organon,

# Hispana Esperantisto

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oni starigis la trian klason por la Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj, kiuj, pro specialaj cirkonstancoj ne povas esti Zamenhofanoj.

Sendu la kotizaĵojn per poŝtmandato aŭ per respondkuponoj (4-12 kaj 16 respondkuponojn respektive).

Laŭ eble, Zamenhofanoj protektantaj kaj Protektantoj ricevos senpage esperantaĵojn.

ADRESO: *Pasaje del Comercio, 8, Presejo. Madrid. (Hispanujo).*